## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj, |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.
kaj:
**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17-a jaro (Numero 3) 1938.

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.)
**Prezidanto de TAGE:**
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
**W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
Kasisto: **A. VAN HAGE.** Zuidwending. **Veendam** (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

## Jarraporto pri T.A.G.E.

Jam denove posis jaro, kaj mi sidas verkante mian raporton por vi. Rigardante posten, kelkajn impresojn mi volas skribi ĉi tie. Nia laborkomitato laboris dum tuta jaro kun plena atento kaj sindono por autaŭenpuŝi la esperanto-movadon inter la geinstruistaro. Ĉu ĝi prave gvidis la asocion? Tion vi prijuĝu. Plendojn ĝi ne ricevis, sed bedaŭrinde ankaŭ de instigojn, kiujn ĝi urĝe bezonas por konservi la kontakton kun la anoj. Al vi, geamikoj, la taskon, ĉiu laŭ sia povo, helpi la estraron en ĝia gvidanta laboro. Bv. atenti tion dum la estonta jaro, ni tre petos!

Ni eldonis 7 numerojn de la asocia organo kun entute 136 paĝojn, anstataŭ la 96 paĝojn, kiujn ni promesis laŭplane. Tiu flanko do estas, laŭ ni, kontentiga. Ni sukcesis havigi al niaj anoj du specialajn numerojn: polan kaj svedan. Ĉar ni havas la impreson ke tia aranĝo plaĉas al vi, ni intencas daŭrigi tion. La T.A.G.E.-statistiko donis al la propagando por „Esperanto en la lernejon" valoran materialon, kvankam ĝi ne povis esti kompleta.

Pri la eldono de materialo por infankursoj, nia komitato ne povis atingi rezultatojn; kelkaj malfacilaĵoj montriĝis tiel implikaj, ke ni forlasis tiun terenon kaj devas orientiĝi sur tute alia bazo Ŝajnas tamen, ke ni laŭ nova vojo atingos la celon.

Preskaŭ same statas la afero pri la eldono de T.A.G.E.-biblioteko. Sed ankaŭ tie, nun, kiam mi skribas ĉi tiujn liniojn, ni trovis elirvojon, kiu rajtigas esperi la plej bonan por la estonto.

Pri la geografia instruado en la lernejoj ni kreis por niaj gekolegoj, „bildkartservon". Ĝis nun tro malmultaj uzis tiujn belajn fotokartojn kun detalaj esperanto-tekstoj. Petu al la peranto, ni petas.

T.A.G.E. aliĝis al la nove kreita oficejo en Amsterdam: „Esperanto ĉe la instruado". Tiu oficejo jam laboras fruktedone en Nederlando. Ĝi trovas ĝeneralan rekonon kaj aprobon inter gekolegoj, gepatroj kaj lernejaj aŭtoritatuloj. Per sia aneco, T.A.G.E., nun de proksime, povas sekvi la laborojn kaj influi la decidojn. Ke

baldaŭ en aliaj landoj troviĝu tiaj centroj. Tiam per komuna laboro ni certe atingos konsiderindajn rezultatojn.

Montriĝis, ke nova Koresporidoficejo fariĝis necesa, ĉar la antaŭa en Berlino ne plu funkciis. Via sekretario perados de nun la korespondadon inter gelernejanoj kaj geinstruistoj. I.P.R. senpage presas la adresojn. Ĉiuj gekolegoj, kiuj gvidos infankursojn aŭ kiuj mem deziras interrilati kun alilandaj gekolegoj, bv. anonci siajn adresojn al ni.

La anaro restis konstanta. La unuan de januaro 1938 ni administris 371 anojn, laŭ jena tabelo:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Alĝerio | 1 | Hispanujo | 1 |
| Aŭstralio | 1 | Hungarujo | 1 |
| Aŭstrujo | 2 | Italujo | 2 |
| Belgujo | 4 | Japanujo | 2 |
| Brazilio | 1 | Jugoslavujo | 9 |
| Britujo | 31 | Kanado | 1 |
| Bulgarujo | 24 | Latvujo | 5 |
| Ĉehoslovakujo | 50 | Litovujo | 5 |
| Ĉilio | 1 | Nederlando | 58 |
| Ĉinujo | 1 | Ned. Indujo | 2 |
| Danujo | 9 | Norvegujo | 4 |
| Egiptujo | 1 | Nov-Zelando | 1 |
| Estonujo | 11 | Polujo | 8 |
| Finnlando | 1 | Portugalujo | 2 |
| Francujo | 15 | Svedujo | 105 |
| Germanujo | 3 | Svisujo | 1 |
| Greklando | 1 | Usono | 7 |
| | | | 371 |

Kvankam ĉi tiu totala nombro nur estas malalta, konsiderante la grandan amason da gekolegoj, kiuj scias Esperanton, ĝi ne estas senesperiga. Ĝi formas kernon, kiu savos la instruistan Esp.-movadon en la jaroj, kiam ĉie regas maltrankvilo kaj malkompreno. Tamen, la faktoj ŝajnas pravigi, ke la esperantomovado inter geinstruistoj eniris novan etapon, nome la laŭplanan agadon por la enkonduko de Esp. en la lernejojn. Kaj por tia agado ni bezonos plej grandan nombron da kolegoj, kiuj grupiĝis en unu centra organizo. Ĉu T.A.G.E. ne povos esti tia centra punkto? Ĉu ĝi, aŭ la gvidado montras mankojn? Tiam malkaŝe diru viajn opiniojn, aŭ tiujn de viaj gekolegoj, ne-anoj. Tio ja estas nia komuna afero, kiu devas stari sur firma bazo.

La financoj statis jene: (1-a de januaro 1938-a)

| Enspezoj: | | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| Saldo 1936-a | fl. $181.65^{5}$ | presejo | fl. 525.78 |
| kotizoj | $597.09^{5}$ | afrankaj kostoj: | |
| anoncoj | 11.50 | sekretario | 7.83 |
| Pola numero | 69.30 | redaktoro | 2.91 |
| Sveda numero | 70.— | administranto | 78.12 |
| Majo Gazeto | —.15 | ekspedanto | 118.99 |
| subvencio | 50.— | materialo por ekspedo, k.t.p. | 15.— |
| " | 30.— | kliŝoj | 4.33 |
| T.A.G.E. karavano | 26.— | monŝanĝo | —.94 |
| | | diversaj | 1.75 |
| | | kunvenoj | 23.80 |
| | | kotizo oficejo Amsterdam por 1937 kaj 1938 | 7.45 |
| | | saldo | 248.80 |
| Totale | fl. 1035.70 | | fl. 1035.70 |

Se vi, gekolegoj, opinias, ke instruista asocio en la nuna tempo estas dezirinda, bv. zorgi ke ĝi dece povos reprezenti tiun flankon de la Esp.-movado, Kunlaboru kun la estraro, propogandu kaj varbu senĉese, faru ankaŭ vi, vian eblon por ke ni baldaŭ atingu: „Esperanton en la lernejon tutmondan."

P. KORTE.

---

# Internacia Pedagogia Konferenco

**en „Ernst Sillemhoeve", Nederlando.**

La „Laborkomuno por Renovigo de Eduko kaj Instruo", la nederlanda sekcio de N(ew) E(ducation) F(ellowship), gvidata de Ir (Inĝeniero) Kees Boeke okazigis sukcesplenan konferencon en la Paska libertempo,

Ĝi batalas energie kaj entuziasme por la idealoj de pli bona eduko, kaj por tio ĝi volas renovigi la instrumetodojn.

Idealoj, kiuj rememorigas la nomojn de Dewey. Ligthart, Montessori, Decroly, Kerschensteiner, Ferrière, k.t.p. En sia malferm-parolado la prezidanto konstatis, ke la progresoj tiurilataj almenaŭ en nia lando ne sufiĉas. Ĉi tiu konferenco celas rigardi la problemon de instrureformado el registara vidpunkto. Pro tio la temo pritraktota estas;

„Kion faras la registaro por la renovigo de eduko kaj instruo."

Du belgaj inspektoroj, s-roj Jeunehomme kaj Roels pritraktis kion en ilia lando la registaro faras en tiu direkto. Ili faris tion tute ne tede, ofte eĉ tre sprite.

La prelego de la nederlanda ĉefinspektoro, s-ro Welling pruvis ke ankaŭ la nederlandaj inspektoroj agas samdirekte.

En teknike bone verkita prelego Profesoro van Poelje, la ĉefo de la ministerio pritraktis la pozicion de la registaro, la sintenadon de gepatroj kaj de geinstruistoj, krome la financan problemon. La pioniroj ne forgesu ĉi tiujn realajn faktorojn.

Resumo de la prelego de la nederlanda ĉefinspektoro Welling.

Li parolis pri la temo: „Ĉu instrureformo?"

Li distingis: ŝanĝon rilate al la instrumaterialo kaj ŝanĝon rilate al la lernejorganizo.

Unue li priparolis ŝanĝojn en la instruota materialo. Ofte la novaj sistemoj tro malmutte akcentis ĉi tiun ŝanĝon. (Dalton!)

Ĝenerale la instruistaro ne estas kontenta pri la materialo instruota. Ĝi ne ŝanĝiĝis tiom kiom la nova epoka, en kiu ni vivas, postulas. La lernejo estas socia instituto. Ofte oni diris: „ni lernas por la vivo, la lernejo instruas kaj edukas por la vivo," sed ĝi estas nura frazo.

Jen la pruvo: dum la lastaj kvardek jaroj la ŝanĝoj estas treege malgrandaj kaj malmultaj, kvankam la mondo ĉirkaŭ ni multe ŝanĝiĝis.

La ĉefa celo ŝajne estas la tujpretaj scioj. Estu ilo, sed ne celo. La parkerigado bremsas la spiritan evoluon. Vera preparo por la vivo estas: la infanoj lernu uzi okulojn kaj cerbon. La pligranda parto de l' popolo nur ricevas unuagradan instruon en la elementa lernejo. Forĵetante tujpretajn sciojn ekestas malfacilaĵoj, kiam oni volas precizigi la kvanton de la instruotaĵoj, des pli ĉar ankaŭ la daŭriga elementa kaj la mezgrada instruo suferas pro la sama malsano.

Oni konstruu lokajn programojn, Estas sensencaĵo, ke la samaj lingvolibroj estas uzataj en Amsterdam (la plej granda urbo) kaj en Nw. (Nov) Amsterdam (vilaĝo en la provinco Drenthe).

La lingvoinstruo estas treege grava, sed ĝi eliru de la lingvo parolata en la medio de la infanoj. Ĉi tiu kaj alia samspeca instruo nepre postulas la aktivecon de la instruisto.

Ofte la prezentado flanke de la instruistoj estas nesufiĉa. La malbonaj resultatoj estas kaŭzataj de nekapableco kaj miskompreno ĉe la instruistaro, ne de manko je diligenteco kaj sindoneco.

Kiuj povas efektivigi la necesajn ŝanĝojn? La inspektoroj vidas multajn lernejojn kaj pro tio akiras grandan sperton. Ili klopodos fari instruprogramon modernan. Estos principa programo. For la belega programo, la ŝajnprogramo. S-ro Welling donis kelkajn elokventajn ekzemplojn pri la bela ŝajno.

Kiam la nova instruprogramo estos preta, ĝi estos priparolata

en kunvenoj de instruistaro kaj inspektoroj, antaŭ ol oni komencas labori laŭ ĝi. Li esperas ke dum la kvar jaroj, kiuj restas al li kiel ĉefinspektoro, 25% de la lernejoj en lia ĉefinspektorejo akceptos la novan programon.

Pri ŝanĝoj en la lernejorganizado li ne parolis. Kiam oni volas reformojn oni ne postulu tro multe je unu fojo.

---

## PERRADIA ALVOKO DE LA KIMRAJ INFANOJ AL LA TUTA MONDO! DEK-SEPA JARO.

18 MAJO 1938.

Jen estas la alvoko de Kimrujo? La knaboj kaj knabinoj de Kimrujo alvokas la geknabojn de la tuta mondo!

Ni ĝojas, pensante ke, super la tumulto, en tiu ĉi unu tago en la jaro, ni povas saluti unu la alian kiel membroj de granda familio. la familio de l'estontaj nacioj.

La mondo estas plena de sufero, kruelo kaj batalo. kaj oni diras al ni, ke Civilizacio eble pereos. Ni diru al la mondo, ke Civilizacio ne pereos.

Pli ol iam, la mondo bezonas tion, kion nur ni povas doni— fidon kaj kamaradecon de juneco.

En tiu ĉi tago de bonvolo, ni volas ree dediĉi niajn fortojn al la servo de niaj samuloj, en ĉiam pli vastiĝantaj rondoj, al la servo de nia hejmo, de niaj najbaroj, de nia lando, tiel ke nia lando povu pli bone servi la mondon, de kiu ĉiu el ni estas parto.

Tiel ni, milionoj, iĝos la amikoj de ĉiuj, kaj la malamikoj de neniu.

(Bv. sendi al ni viajn respondojn! Red.)

---

## OFICEJO „ESPERANTO ĈE LA INSTRUADO".

Corn. Krusemanstraat 43III. Amsterdam.

**BULTENO N-ro 1.**

## Internaciaj Kunvenoj.

Same kiel en antaŭaj jaroj okazos ankaŭ dum ĉi tiu somero diversaj internaciaj kunvenoj Esperantaj. Unualoke ni nomas la kongresojn de S.A.T. kaj de I.E.L., kiuj, grandioze aranĝataj kaj vizitataj de centoj da homoj, vere estas internaciaj.

La S.A.T.-kongreso okazos en Bruselo de la 7a ĝis la 13a de Aŭgusto; la kongreso de I.E.L., en Londono de la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto.

Krom tiuj ĉi kongresoj okazos du infankunvenoj en Nederlando. La unua estas aranĝata de la redakcio de la porinfana Esperanto-gazeto „La Juna Vivo" en kunlaboro kun „La Norda Stelo", Esperanto-unuiĝo en Nord-Holando, kie do ankaŭ okazos la kunveno. En Groet, (apud Schoorl) infanoj 12—18 jaraj povos pasigi agrablan semajnon de la 10a ĝis la 17a de Aŭgusto. Jam anoncis sin pli ol 80 eksterlandaj kaj multaj nederlandaj infanoj.

La dua infankunveno estas aranĝata de F.L.E. kaj okazos sur la tendara tereno Doorn — Aŭsterlitz en Maarn. Ankaŭ en ĉi tiu tendaro partoprenos infanoj-Esperantistoj 12—18 jaraj.

Sed ne nur infanoj, ankaŭ plenkreskuloj povos pasigi dum ĉi tiu somero instruajn Esperanto-feriojn. Tritaga restado (de la 28a ĝis la 31a de Julio) en Ry en Danujo, kune kun homoj el diversaj landoj, plaĉos al multaj Esperantistoj. Dum la semajno de la 31a de Julio ĝis la 10a de Aŭgusto okazos en la sama loko tri Esperanto-kursoj. por progresintoj same kiel por ne Esperantistoj, kiuj povos eklerni la lingvon tie dum belega feria tempo. La antaŭan jaroj estis tie 160 partoprenantoj el 10 diversaj landoj.

Tiaj kursoj ankaŭ okazos en Helsingór, ankaŭ en Danujo. Tie ili okazos de la 16a ĝis la 24a de Julio kaj de la 15a ĝis la 25a de Aŭgusto. En 1937 estis tie 210 partoprenantoj el 14 diversaj landoj, kiuj dum la ferioj ĝuis agrablan kuneston kun homoj el multaj landoj, kiujn ili tamen ĉiuj facile povis kompreni.

---

# La Instruada Afero de la Finn-Ugraj Popoloj.

## DAŬRIGO.

## III. HUNGARUJO.

Skribanta pri la instruada afero de la finn-ugraj popoloj mi ĝis nun el libroj prenis mian materialon, sed en ĉi tiu ĉapitro mi parolos pri la instruado de mia patrolando, kies organizon mi bone konas, ĉar ankaŭ mi estas membro de la priskribotaj institucioj. Mi instruas la germanan kaj francan lingvon en gimnazio, do mi nun ne el libroj prenitan materialon donos al miaj legantoj, sed parolos pri miaj propraj spertoj. Tamen mi devas elkore danki al mia tre estimata amiko, S-ro d-ro Ŝtefano Papp, privata docento je la universitato Debrecen, pro lia konsilo kaj helpo.

### 1. Historio de la mezlerneja instruado.

La lerneja edukado kaj instruado estis en Hungarujo, kiel ĝenerale en Eŭropo tra jarcentoj eklezia tasko. La ordenoj enkondukas jam dum la XI. jarcento la eŭropan lernejsistemon kaj lernejojn: oni instruis la sep liberajn artojn (septem artes liberales). Dum la XVI.

jarcento la protestantoj fondas multajn lernejojn, en kiuj oni instruas jam, laŭ germana modelo, la grekan lingvon apud la latina.

Nur en la XVIII. jarcento ni vidas klopodojn por ke la organizo, gvido de la lernejoj estu ŝtata tasko. En la jaro 1777, Maria Terezia, la imperiestrino, eldonas la unuan ŝtatan kodon sub la titolo: Ratio Educationis totiusque Rei Literariae per Regnum Hungariae et provincas eidem adnexas. Ĉi tiu en la tuta Europo senekzempla, grandvalora, pedagogia kaj lernejorganiza kodo precize fiksas la diversajn lernejtipojn: popollernejo, kvinjara mezlernejo (triklasa gramatika lernejo kaj duklasa gimnazio), reĝaj akademioj kaj reĝa universitato. La Ratio Educationis reprezentas la penson de la ŝtata kontrolo kaj la unuecon de la lerneja materialo, metodo ktp. El alia vidpunkto ĝi enkondukas multan praktikan instrumaterialon. Ĝi organizas 9 instrudistriktojn, kies estroj estas la ĉefdirektoroj.

Bedaŭrinde ĉi tiu kodo ne estas longtempe en uzo, ĉar la protestantoj protestis kontraŭ la kontrolo de la ĉefdirektoroj en siaj lernejoj. La duan Ratio Educationis oni eldonis en 1806; kiu estas valida dum duonjarcento. Tiu ĉi dua kodo enkondukas ankoraŭ unu klason en la triklasan gramatikan lernejon kaj ĉi tiamaniere la mezlernejo fariĝas sesklasa.

Dum la epoko de la aŭstria absolutismo aperas (en 1849) la nova organizo de la mezlernejoj valida por la tuta monarkio, do ankaŭ por Hungarujo: Entwurf der Organisation der Gymnasien und Realschulen in Osterreich, kiu faris el la sesklasa gimnazio okklasan kun suba kaj supra divido po kvar klasoj. La „Entwurf" organizas, fondas ankaŭ la reallernejon.

En 1883 okazis la finvalida leĝa organizo de la hungara mezlerneja instruada afero. Ĉi tiu leĝo de 1883 konas nur du mezlernejajn tipojn: gimnazion kaj mezlernejon. Ĉiu tipo havas 8 klasojn kaj abiturientan ekzamenon. Ŝtata kontrolo kaj unueca instruplano karakterizas la leĝon.

Depost 1883 la evoluo estas el ĉiu vidpunkto diferenciga.

En 1890 diferenciĝis la supra divido de la gimnazio, do, en la sama gimnazio oni havis 2 tipojn: tipo kun la klasikaj lingvoj (greka kaj latina), kaj en la alia tipo oni instruis la latinan kaj anstataŭ la greka oni instruis grekan literaturaĵon hungarlingve kaj desegnaĵon. Sed la reallerneja abiturientekzameno ne estis valida por ĉiuj fakultatoj de la universitato, do oni instruis ankaŭ lal atinan kiel ekstraordinaron materialon en la reallernejoj. Ĉi tiamaniere jam du tipoj de gimnazio kaj reallernejo funkciis unu apud la alia sen organiza separado.

La leĝo de 1924, kiun faris la ĝranda jam mortinta, hungara ministro de la edukado, grafo *Kunó Klebelsberg*, organizas inter la gimnazio kaj la reallernejo la trian tipon: la realgimnazion. Tiamaniere la organiza diferencigo de la mezlernejo estas realizata. Principo de

la leĝo estis ke *unu* mezlernejo ne estas jam plu kapabla transdoni la kulturajn benojn al la nova generacio. La personaj bezonoj postulas, ke ne unu mezlernejo donu la instruadon de la antikaj kaj modernaj lingvoj, de la natursciencoj ktp. Depost ĉiu lernanto povas elekti inter la tri tipoj laŭ siaj personaj talentoj.

La *gimnazio* (nomata ankaŭ humanistika gimnazio) estas la reprezentanto de la antika mondo, siaj ĉefmaterialoj estas la latina kaj greka lingvoj.

En la *realgimnazio* oni instruas la latinan lingvon kaj krom la germana ankoraŭ unu alian modernan lingvon aŭ francan aŭ anglan aŭ italan. Fine la *reallernejo* reprezentas la modernan kulturon, la modernajn lingvojn, la natursciencojn, la matematikon.

Kelkajn jarojn post la leĝo la ministro estis obligata, laŭ la deziro de gepatroj, permesi la bifurkacion de la humanistika gimnazio, kie depost tiu tempo oni ankaŭ modernan lingvon povis lerni anstataŭ la greka kaj en la reallernejo oni ankaŭ la latinan lernis. Do, la diferencigo estis tute plena. Oni jam havis 5 mezlernejojn (ne parolante pri la mezlernejoj por knabinoj): 1. gimnazion kun greka lingvo, 2. gimnazion sen greka lingvo, 3. realgimnazion, 4. reallernejon sen latina lingvo, 5. reallernejon kun latina lingvo.

Tiamaniere vivis la mezlernejo sian memstaran vivon. La administrado de la multaj tipoj ne donis tempon por realigo de altvaloraj pedagogiaj, naciedukaj kaj kulturpolitikaj problemoj. Sed en la diferencigo ne estas forto. Ĝi estas nur en la unueco, tion bone vidis la granda, mondkonata historiisto kaj nuna ministro de la edukado, Sinjoro Valentino *Hóman*, kiu reorganizis la mezlernejon.

**2. La nova hungara pedagogia reformo.**

En la jaro 1934 ministro Hóman faris la novan leĝon pri la hungara pedagogia reformo. Depost 1935—36. oni instruas jam laŭ la nova reformo, do nuntempe oni havas jam tri klasojn el la nova mezlernejo.

La leĝo de 1934 proklamas novajn ideojn: la konatigon de la nacia vivo. karakteredukadon, kaj pli severan selekcion.

Laŭ la leĝo la ĥaoso en la diferencigo de la mezlerneja vivo korespondas al la fekkultura penso de la dua duono de la pasinta jarcento, sed ĝi tute ne estas sana situacio. Tiu ĥaoso kaŭzis ke la hodiaŭa generacio ne povis formi unuecan mondkoncepton. Oni povus diri, ke la malnova lernejtipo estus estinta bona, se la lernantoj estus vizitintaj tiun tipon, kiu la plej bone korespondas al siaj talentoj, sed la talentoj ne montriĝas ankoraŭ dum la tempo de la elekto de la lernejo, do ĉe 9—10 jaraĝaj knaboj; due ne ekzistas serioza talentesploro antaŭ ol iri lernejon, ĉar ĝenerale eksteraj eblecoj (la loĝloko de la gepatroj, ĉeesto de iu tipo) influas la estonton de la lernanto.

La gepatra societo postulis la uniformigon de la mezlernejo.

La granda demando okaze de la hangara mezlernejo, kies nomo estas tute simple gimnazio, estas : kian kulturon ni devas doni al la junularo por ke ĝi povu esti gvidanto de la nacia ? La ĉefkaraktero de la nova gimnazio kaj mezlerneja kulturo estas nacia. La humanistikaj kaj realaj elementoj de la eŭropa kulturo devas esti rigardataj per naciaj okuloj. Pro tio la centro de la nova hungara mezlerneja instruado estas la nacikono (Heimatkunde). La ĉefmaterialo estas la hungara lingvo, la literaturo kaj arto, la historio kaj la geografio, la latina lingvo kaj literaturo. Por eksterlandanoj estas eble strange, ke la latína lingvo apartenas al la naciaj materialoj, sed oni ne forgesu ke en Hungarujo la latina kulturo floris tra jarcentoj kaj ke la latina literaturo inspiris la hungaran je grandaj verkoj kaj ke la latina lingvo estis la oficiala lingvo en Hungarujo ĝis la kvindekaj jaroj de la pasinta jarcento.

La nacia ideo involvas la transvalorigon de la aliaj materialoj. La *nacia historio* devas esti instruata depost pli detala. La mondhistoriaj okazintaĵoj formos nur sinkronistikan fundon, La ŝtataj, ekonomiaj kaj sociaj fenomenoj devas esti pritraktataj en la kadro de la nacia historio.

La instruado de *la modernaj lingvoj* devas esti purigata de la malnovaj, malfacilaj literaturaj legaĵoj. Ne gramatikon, sed la lingvon oni devas praktike instrui. Oni ne instruas jam plu literaturhistorion, sed la ĉefverkojn de la koncerna literaturo.

El la *hungara lingvo kaj literaturinstruado* oni devas ekzili la memstaran instruitan stilistikon, retorikon kaj poetikon. Anstataŭ tio oni instruos en la supra divido modernan literaturhistorion kaj paralele kun la evoluo de la hungara literaturo oni konatigos la mondliteraturan fundon.

La instruado de la *geografio* okazos sur naturscienca, politika kaj ekonomia bazo kaj la akcento estos sur la etnografio.

En la *latinlingva instruado* oni pli zorge devas elekti la legaĵojn : oni legu nur karakterformantan legaĵojn kaj konatigu la rilaton inter la latina kaj hungara kulturo kaj legu la ĉefverkojn de la hungarlanda latineco.

Per ĉi tiu el nacia vidpunkto organizita materialo alproksimiĝos la hungara lernejo al la praktikaj bezonoj de la hungara vivo kaj ne per senorganiza amasigo de la „praktikaj" konoj, kiuj troŝarĝis la lernanton ankaŭ en la estinto.

La mezlernejo nature devas prizorgi la instruadon de la natursciencoj, sed la tielnomataj realaj materialoj devas estis transformataj. Oni ne devas jam plu postuli la lernadon de la tre malfacilaj teorioj, sed nur helpi la ĝeneralan orientadon de la lernanto. Oni speciale devas prizorgi, ke la lernanto bone vidu la rilaton inter naturaj fenomenoj kaj natursciencaj principoj kun la praktika ekonomia vivo de la nacio.

La unua tasko de la mezlernejo estas la edukado kaj nur la dua estas la instruado. La dominanta rolo de la naciaj materialoj kaj la reorganizo de ĉiuj materialoj el nacia vidpunkto estas la ĉef helpo de la mezlerneja nacia edukado kaj individua karakterformigo. Por atingi ci tiun edukan celon Valentino Hóman enkondukis en la du anuajn klasojn de la mezlernejo la t.n. „klasĉefan horon", dum kiuj la klasĉefoj per praktikaj ekzemploj instruas la lernantojn pri iliaj kondutoj hejme, en la strato, en societo ktp. Tiuj estas la ĉefmotivoj de la morala konduto de la lernantoj. Ankaŭ karakterformigan celon havas la mezlerneja korpedukado. Pro tio faris eksperimentojn la ministro depost longtempe kun le enkonduko de la ĉiutaga korpeduka horo. Tiel estos la interna vivo de tiu unueca hungara mezlernejo, kies eksterna organizo havos ankaŭ la karakteron de la unueco.

De nun nur unuspeca hungara mezlernejo ekzistos, kies nomo estos gimnazio, La kvarklasa suba divido de la okklasa gimnazio estas tute unueca el la vidpunkto de la instruplano. Sed en la kvina klaso oni havos bifurkacion, kie la lernanto povos elekti inter la greka lingvo aŭ la dua (krom la germana lingvo, kiun oni instruas jam en la tria klaso) moderna lingvo (angla, itala, franca). De la ministro dependos kiun inter tiuj modernaj lingvoj oni instruos en la koncerna gimnazio. Latinan oni instruos en ĉiu klaso.

Krom la jam menciita dua moderna lingvo la ministro povas permesi la instruadon de iu ajn alia moderna lingvo (lingvo de la ĉirkauaj landoj), se la instruado de tiu lingvo montriĝos necesa. La ministro fiksas la landan instruplanon, kiu povas esti transformita en lokan instruplanon laŭ la lokaj cirkonstancoj. En motivitaj kazoj la ministro permesos la instruadon de la geometrio kaj de la kemio depost la kvina klaso.

Kiel ni vidas ankaŭ la nova hungara mezlernejo kalkulas kun la diferencigaj postulaĵoj de la vivo. Ĝi ne unifirmigas, tamen ĝi konsideras la praktikajn postulaĵojn de la vivo.

Kiel antaŭ ankaŭ nun la abiturienta ekzameno finas la mezlernejajn studojn. Sed la abiturienta atestilo rajtigas: 1. nur por postenoj priskribitaj per la leĝo, 2. por universitataj kaj altlernejaj studoj. Tiamaniere la el nacia vidpunkto grava selekcio per la duspeca abiturienta ekzameno estas bone solvita.

La leĝo kaj ĝia motivdono severe priskribas la selekcion, ĉar oni ne devas permesi la frekventadon de la mezlernejo al tiuj, kiuj ne havas sufiĉan talenton por pli alta scienco. La leĝo prizorgis la kontinuan selekcion en la interna vivo de la gimnazio. Tiu ĉi selektiga ilo estos la latina lingvo, kiu, pro sia kontakto kun nia nacia kulturo, havas dominantan centran rolon apud la aliaj naciaj materialoj.

La instruada *administrado* dividas la landon en 8 instrudistriktojn,

kies estro estas la ĉefdirektoro, kiu inspektas ĉiuspecan lernejon. La instrudistrikto estas dividita en subdistriktoj de la departamentoj, kies estro estas la reĝa instruinspektoro, kiu kontrolas la popollernejan instruadon.

Apud la ministro funkcias la Landa Instruada Konsilantaro, kies sekcioj estas: 1. ĝenerala kaj eduka, 2. agrikultura. 3. industria, 4. komerca instruado. La saman funkcion havas apud la ĉefdirektoroj la Instrudistrikta Instruada Konsilantaro.

Mi nur kelkajn vortojn volas diri pri la popollernejoj, ĉar la reformo ŝanĝis nenion en ili. La popollernejo konsistas el ses klasoj, sed jam post la kvara oni povas iri mezlernejon.

La burĝa lernejo havas kvar klasojn. Ĝi rajtigas iri en komercajn kaj metiajn lernejojn.

En Hungarujo estas kvar universitatoj (Budapest, Szeged, Debrecen, Pécs).

Sube mi donas malgrandan statistikon el la jaro 1934.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Nombro de la popollernejo | | | 6872 |
| „ de la lernantoj en la popollernejoj | | | 989388 |
| Nombro de la burĝaj lernejoj | | | 399 |
| „ de la lernantoj en burĝaj lernejoj | | | 89491 |
| Nombro de la mezlernejoj: | ŝtata | 59 | |
| | religia | 84 | |
| | privata | 8 | |
| | komunuma | 10 | |
| | societa | 5 | |
| | entute: | 166 | |
| Nombro de la lernantoj en mezlernejoj | knaboj: | | 50771 |
| „ „ „ „ „ „ | knabinoj: | | 16001 |
| | entute: | | 66772 |
| Nombro de la universitatanoj de la 4 universitatoj: | | | 11975 |

1253 hungaraj universitatanoj estas eksterlande, inter ili ankaŭ mi estas en Romo, kiel stipendiato de la itala registaro.

Per ĉi tiuj daŭrigitaj artikoloj mi volis doni nur skizon de la instruado de la finn-ugraj popoloj. Al la kulturitaj finn-ugraj popoloj apartenas, kiel ni vidis, Finlando, Estonio kaj Hungarujo. Ĉi tiujn popolojn kunligas ne nur la rasa ideo, sed ankaŭ la lingvo, kankvam ilia lingvo tre diferencas kaj unu ne komprenas la alian.

Ĉe tiuj ĉi popoloj evoluiĝis proksimume la samaj instruadaj institucioj, kiuj diferenciĝis laŭ la naciaj bezonoj, sed ni vidis, ke la akcentigo de la nacia karaktero estis ĉe ĉiuj la bazo de la instruado. La nacia konscio baziĝas precipe sur la kulturo kaj sur la historio.

Prof. ANDREO GAUDER
Via Giulia, 1.
Romo Italujo.

# Pedagogia Enciklopedio kaj Esperanto.

Sub titolo „Kultura donaco al ĉeĥoslovaka lernejo" aperas en Praha (Ĉeĥoslovakujo) grava verko PEDAGOGIA ENCIKLOPEDIO, kies I. volumo estas jam preta, la II. kaj III. finpresata. Famaj pedagogiaj fakuloj redaktas ĝin, nome: profesoroj O. CHLUP, JOSEF KUBALEK kaj JOSEF UHER en kunlaboro de multegaj ĉeĥaj instruistoj. Tiu ĉi verko de eminentuloj el ĉeĥoslovaka mondo pedagogia garantias la precizecon kaj multvaloron de la PE.

Grava kaj gratulinda afero estas, ke *la redakcio* sciis taksi, kiel grandajn servojn donas ESPERANTO al la instruistaro. La jam aperinta I-a volumo enhavas 2 artikolojn de faka instruistino *Julie Supichová*, nome *„Esperanto"* (paĝo 396) kaj *„Lingvoj internaciaj"* (558). En la verko de tia grava kultura valoro, kia estas PE, ĝi estas vera sukceso!

(Dankleteroj estu adresataj al redaktoro: Profesoro *Josef Kubálek*, Jeronymova 16, Praha-Smíchov, ĈSR.)

---

# Litovujo.

**Esperanto en tendaro por instruistoj.**

En Palanga kurorto, apud Balta Maro, 8—26 de Julio okazos internacia tendaro, gimnastika kurso, por instruistoj. Tendaron aranĝas Palaco de Korpa Kultüro, Departamento de Kleriga Ministerio (adr.: Küno Kultüros Rümai, Kaunas, Litovio).

S-ro. Ministro permesis ke al tendaro, je favoraj kondiĉoj, estos akceptataj po kelkaj esperantistoj instruistoj el eksterlando. Estus tre ĝojige kaj impone, se partoprenus tendaron kiel eble el pli multe da landoj. Estas tre bela okazo, kiu estas valora ĝenerale por nia afero kaj por vizitonto la tendaron. Tendarpartoprenantoj ricevos grandegan rabaton de ĉiuj fervojbiletoj, senpagan ekskursadon dum tendaro en pli interesaj lokoj kaj aliajn amuzojn. Por tuta pensiono oni elspezos ĉirkaŭ 3 lidoj po tage (0.5 dolaro).

Pri tendaro informoj sin turnu al antaŭe nomita oficejo, kiu informos per ilustrita prospekto.

Esperanto estraroj, delegitoj kaj niaj amikoj bonvolu organizi, ke el via lando povus en tendaro partopreni almenaŭ 2 esperantistoj. En tandaro okazos grava eksperimento.

---

# Britujo.

**Esperanton en la lernejojn!**

„The Schoolmaster", la organo de „National Union of Teachers" (Nacia Unuiĝo de Geinstruistoj), en sia numero de 3.2. enhavis la jenan raporton:

„La urbkonsilantaro de Jarrow (urbo en Durham) lastan semajnon aprobis rezolucion, submetotan al la Asocio de Edukaj Komitatoj, ke la asocio, por helpi al la paco kaj internacia interkompreno, rekomendu al la Registaro enkonduki en popollernejojn lecionojn pri universala lingvo. Oni devus klopodi (daŭrigas la rezolucio), kune kun aliaj nacioj verki lernolibrojn en la universala lingvo, inkluzive speciale de la prezentado de historio pli laŭ socia ol laŭ nacia (naciisma) vidpunkto."

Pri la sama rezolucio raportis ankaŭ aliaj, ekz. „Peace News", la semajna organo de la „Peace Pledge Union" (pacifista) sub la titolo: „Alvoko por lecionoj pri universala lingvo".

---

# Ĉeĥoslovakujo.

**La ĉeĥoslovaka kleriga ministerio permesas Esperantajn lumbildparoladojn en la lernejoj.**

La ĉeĥoslovaka kleriga ministerio donis al lektoro H. Seppik el Estonio, kiu nuntempe gvidas bonsukcesajn Cseh-kursojn en ĈSR, skriban permeson fari Esperantajn lumbildparoladojn pri Estonio kaj Svedlando en ĉiuj popolaj, mezaj kaj fakaj lernejoj de la respubliko, kun la kondiĉo, ke la Esp.-Asocio prezentos al al ministerio raporton pri ĉiuj tiaj prelegoj faritaj. La permeso estas subskribita de la ministro mem.

---

# Fondo de nederland-hinduja lernejo en Aŭstrio

En la ĉarma kuracloko Seefeld en Tirol, kiu jam delonge pro la dum vintro kaj somero same sana altmontarklimato posedas multnombran nederlandan kaj nederland-hindujan kolonion, en aŭgusto nunjara estos inaŭgurata lernejo, kiu servu por la infanoj el ĉi tiu kolonio kaj speciale al tiuj, kies gepatroj venis el Nederl. Hindujo por ferii en Eŭropo.

La lernejo estos sub Instruministerio de Nederlando, nederlandaj instruistoj instruos, nur la sportajn, speciale skikuradon, instruos aŭstrianoj.

# T.A.G.E. kunvenoj dum la 30a Universala Kongreso de Esperanto en Londono.

Prez. Prof. W. E. COLLINSON, M. A., Ph. D.
Universitato de Liverpool, Anglujo.

**Mardon, la 2-an de aŭgusto jela 14.30-a horo:**

1a. Malfermo kaj legado de salutleteroj.

2a. Prelego de Prof. W. E. Collinson, la, prezidanto, pri „Baza Vortaro en instruado de Esperanto".

PAŬZO.

3a. Diskutado pri:
Esperanto en lernejoj;
Interkorespondado;
Interlerneja vizitado aŭ libertempoj.

4a. Fermo.

**Ĵaŭdon, La 4an de aŭgusto je la 14.30a horo:**

1a. Malfermo.

2a. Prelego de Prof. J. C. Flugel, B. A., D. Sc. Universita Kolegio Londono, Pri: „Pedagogio kaj Asketismo".

3a. *Fermo por ne-T.A.G.E.-anoj.*

4a. Komunikaĵoj de la Laborkomitato.

5a. Diskutado pri
La I.P.R. redaktado;
La Interkorespondadoficejo.

6a. Elekto de prezidanto.

7a. Proponoj kaj rezolucioj.

8a. Fermo.

# T.A.G.E. Tribuno.

Bryn berdd, Seven Sisters, Glam, Britujo.

28 Februaro, 1938.

Respondo al la letero de s-ro L. Dormont.

Estimata redaktoro,

Laŭ mia opinio la plej bona gvidilo en la elektado de vortoj por komencantoj estas la Ekzercaro.

La majstro donas unue ekzercojn de legado, por ke la lernantoj alkutimiĝu al diferencigado inter la sonoj — c. ĉ, g, ĝ, k.c. kaj al ĝusta uzado de la regulo pri la akcento — foiro, fojno, k.c.

Tuj poste venas la nomoj de bone konataj objektoj — patro, frato, leono, besto, k.c., ofte uzataj verboj — esti, aparteni, brili, plori, kuŝi, trovi, doni, resti, rajdi.

La akuzativan finiĝon oni devas lerne *frue*, ĉar oni ĝin bezonas en tre simplaj frazoj.

Kiel diras s-ro Dormont, oni devas studi la verkojn de la majstro; tamen oni tion devas fari, ne por "listigi la oftecon de vortoj uzitaj" (tio estus laboro sen-

frukta), sed por alkutimiĝi al la maniero, en kiu li uzis la vortojn, por formi frazojn.

Ĉiu sekcio de la Ekzercaro havas liston de la vortoj tie uzitaj. El ĉi tiuj listoj oni povas konstrui propran liston por siaj lernantoj, kaj sendube la instruistoj trovos tiujn vortojn la plej utilaj por la celo,

La Ekzercaro povas esti bona gvidilo ankaŭ por la *ordo*, en kiu oni instruas la uzadon de la prefiksoj kaj sufiksoj.

Bedaŭrinde, lernolibroj ĝenerale ne sufiĉe atentas la Zamenhofajn instruojn.

Kelkaj el iliaj aŭtoroj ne sufiĉe studis tiujn instruojn ; aliaj arogas opinii, ke ili komprenas la lingvon pli bone, ol ĝia kreinto. De tio vezultas, ke multaj Esperantistoj, kiuj lernis la lingvon de lernolibroj kaj ne iras rekte al ĝia fonto, akiras stilon ne tre bonan.

S-ro Fenton Stancliffe en Akron, Ohio, dediĉis tre longan laboron al kunmetado de statistikoj pri la kompara ofteco de afiksoj, prepozicioj k.c. en kelkaj verkoj. La rezultaton li publikigis en la gazeto „Scienco Revuo" (Usono), sed mi ne vidas la utilecon de liaj laboroj. Ili povas eĉ konduki al eraraj konkludoj ; ekzemple : en la „Originala Verkaro" la uzado de *je* estas multe pli ofta en la malnovaj verkoj, ol en la pli maturstilaj, tamen ĉio estas amasigita en unu sola tabelo !

Kun kolega saluto,

M. JONES.

---

Stokholm, 5 - 2 - 1938.

Al la redakcio de I.P.R. !

En T.A.G.E.-tribuno de I.P.R., n-ro 1, 1938, demandas s-ro Louis Dormont pri la ofteco de vortoj uzitaj en la verkaro de Zamenhof. Ĉar la vort-ofteco estas grava principo por la ellaboro de elementa lernolibro, mi permesas al mi sendi S.A.T.-broŝuron kun artikolo pi la menciita temo. Kvankam ĉi tie ne temas pri verkoj de Zamenhof, la donitaj informoj certe estas tre valoraj, kaj la resuma tabelo sur paĝo 15 kredeble ne postulas esencajn ŝanĝojn.

Samideane !

ERNST BEPPERLING.

---

## Jen la resuma tabelo.

### Radikaj elementoj absolute oftaj

(Almenaŭ en 3 el la analizitaj 6 verkoj estis oftaj)

after, ali, alt, amik, aper, batal, bon, cel, ĉef, demand, dev, dezir, dir, divers, don, ekzist, est, far, fin, fort, grand, grav, help, hom, ir. jar, jun, kompren, kon, kelk, kamarad, komenc, labor, last, land, lern, liber, lingv, loĝ, lok, long, milit, mond, montr, mult, mort, mov, neces, nom, nov, okaz, parol, part, person, popol, pas, pov, pet. plen, pren, reg, rimark, rapid, rest, sam, sekv, star, sid, send, sci, skrib, tag, temp, trov, tut, ven, vid, vir, viv, voj, vol, vort, urb.

*Internaciaj :* form, gazet, interes, klas, kapital, naci, prolet, ŝtat.

### Radikaj elementoj oftaj, sed malpli valoraj

(ili estis oftaj nur en 2 verkoj, konsiderante ankaŭ tiujn okazojn, kiam en la 2-a verko la ofteco estis iom sub la limo. Ĉe la malgranda kvanto da analizitaj verkoj estas neeble aserti pri absoluta valoro de ĉiu el ĉi elementoj).

am, art, apart, bel, ĉambr, efektiv, fak, flank, foj, facil, feliĉ, ĝoj infan, kapabl, komun, klar, kondiĉ, kor, kamp, kap, kri, kred, leg, lig, lev, man, met, nask, oft, pac, pastr, propr, port, prezent, postul, praksim, patr, ruĝ, rimed, ricev, riĉ, rid, rigard, respond, scienc, sufiĉ, ŝajn, ter, ten, trankvil, traduk, vetur, vizaĝ.

*Internaciaj :* burĝ, ekonomi, kongres, organiz, sinjor.

**Helpaj elementoj absolute oftaj**

(Almenaŭ en 3 el la analizitaj 6 verkoj ili estis oftaj.)

ad, aj. al, an, ankaŭ, ankoraŭ, antaŭ, ar, aŭ, ĉar, ĉe, ĉi, ĉiu, ĉu, da. de, dis, du, dum, dek, ebl, ec, eĉ, eg, ej, ek, el, em, en, et, for, ĝi, ĝis, ig, iĝ, il, ili, ind, in, inter, ist, jam, je, jen, kaj, ke, kiam, kio, kiu, kvar, kiel, kontraŭ, kun, la, li, laŭ, mal, mi, ne, ni, nun, nur, oni, per, plej, pli, plu, por, post, pri, pro, re, se, sed, sen, sub, sur, tia, tie, tiu, tiel, tio, tre, tri, ul, unu, vi.

**Helpaj elementoj oftaj, sed malpli valoraj**

ĉio ĉiam, cent, do, ge, -i-, iom, ism, iu, kial, kia, kvin, kie, mem, mil, nenio, naŭ, ol, sep, ses, tamen, um.

Rim. de la redaktoro:

La titolo de la broŝuro estas: „Kvardek jaroj." Se sro. Dormont deziras tion, mi sendos la broŝuron al li.

Mi aldonas ankoraŭ titolon de libreto, aldonita rn Usono:

**Konkordanco** al la Originala Verkaro de Zamenhof. Kompilita de Fento Stancliff. (Represaĵo el Scienca Gazeto.) 50 p. 14,5x22 cm. Prezo 0.40 dol. afr. ĉe Amerika Esperanto-Instituto, Rockford, Illinois, Usono.

---

# Bibliografio.



Sub la redaktado de s-roj Glück, Jung kaj Willems, la nederlanda eldonisto Muusses, aperigas serion da malgrandaj, malmultekostaj volumetoj. Ni ne povas disponi ĉi tie pri sufiĉe da loko por recenzi ĉiun unuopan numeron, sed mi ne povas ne nomi ĉi tiun eldonon. Multaj esperantistoj plendas, ke ili ne sufiĉe povas legi esperantan literaturon, ĉar havigo al si de biblioteko postulas tro da mono. Nu, jen ilia ŝanco! La enhavo de la apartaj numeroj estas tre diversa; tamen ĉie interesa kaj bonstila. Mi notas: Zamenhof; kongresparoladoj; Collinder; La problemo de lingvo internacia, kaj inter aliaj verkistoj; Scherer, Glück, Jung, Dickens, Thézard kaj Ŝirjaev. Entute aperis jam 17 numeroj. Tuta serio de dek volumetaj kostas en abono 2,50 ned. guld. Unuopa numero - 0,35 ned. guld. aŭ 3 intern. respondkuponojn. Petu prospekton al la Esperanto-Eldonejo J. Muusses, **Purmerend** (Nederl.) aŭ al via esp. librejo. Vi certe ne bedaŭros tion!

Anglujo povas fieri pri sia eldonejo: *The Esperanto Publishing Company, Ltd.*, kiu i.a. prizorgis la duan eldonon de la konata laŭdata verko de Privat: „Vivo de Zamenhof". (prezo 3 ŝ, 6 p. Afranko 4 p. Nun ankaŭ broŝurita havebla: prezo 2 ŝ. 6 p. afranko 3 p.) Ĝi nun eldonis: Murdo en la Orienta Ekspreso" de Agatha Christie kaj „La knaboj de Paŭlo-Strato" de Francisko Molnar (trad. L. Spierer). La du volumoj (po 192 paĝoj) estas ĉiurilate rekomendindaj. Anoj de la „Libro-klubo" nur pagos 1 ŝ. pl. afranko; ne-membroj 2 ŝ. pl. afranko.

Oni povas aliĝi al la Klubo, aŭ aĉeti apartajn numerojn, ĉe preskaŭ ĉiu Esperantista librovendisto, aŭ ĉe la Libroservo de Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, (Herts.) Anglujo. Kaj por kandidat-aŭtoroj estas interese scii, ke la eldona-asocio volonte akceptos taŭgajn manuskriptojn, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn. Ek, do, gekolegoj! Praktiku!

(K-e.)

(La venontan fojon ni esperas trovi lokon por kelkaj interesaj novaĵoj de Lit. Mondo.)



# Korespondoficejo

adreso : K. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

**Adresoj de lernejoj** :

Sro. Stojĉo Mikov Kovaĉev (VIIa gimn. klaso)
(vil.) Debnevo, Trojansko. (Bulgarujo).
Sino. H. C. Harsland. R. C. School. Royton Near Oldham.
Lancashire. (Britujo).

**Adresoj de Geinstruistoj:**

Fino. Alide Oglas. Pikk-29. Rakvere. (Estonio.)
Sro. Canjo Iv. Radkov. istruisto en Trevna. (Bulgarujo).
„ Christo Kelĉev. str. „St. Michajlowski" No. 5. Kazanlik,(Bulgarujo)
„ Aleksandro Dunĉev Musala 13 Pleven. (Bulgarujo).
„ Jordan H. Stanosov instr. en Kosovo-Belensko (Bulgarujo).
„ K. Ivanov - 85 Leonova - Vraca (Bulgarujo).
„ Georgi Dikovski instr. en Egalnica, Radomirsko (Bulgarujo).
„ Penko Petrov str. Rakovski No. 19. Jambol (Bulgarujo).
„ Minĉo Nihaslov str. Zemedelska 2. Kazanlik „
„ Krestju Iivkov Stalijska-mahala, str. Glavna 8
Lomska okolija (Bulgarujo).
„ Johannes Hellene, Hangamo, Voss (Norvegujo).
„ P. M. Bak, instr., Ródkarsbro, St. (Danujo).
„ Ant. Sattek, instr., Pribor 744 (Ĉeĥoslovakujo).
„ A. Valaušek, Tyrševa 19, Brno XII (Ĉeĥoslovakujo)
„ Antoniu Rauvoll, instr., Bausejov (Ĉeĥoslovakujo).
„ Ludo Lemak, Královsky Chlumec, Berny urad. (Ĉeĥoslovakujo).
„ J. A. Arends, Nieuwstraat 698, Scherpenzeel (Nederlando).
„ Ed. Rademakers, Pauluspolder (Z.) (Nederlando).

**Adresoj de Gelerantoj** :

Sino. Sigrid Hansen, Lambjerg (Danujo).
Fino. Elisabeth Nielsen, Lambjerg (Danujo).
„ Anna Laursen, Lambjerg (Danujo).
„ Marie Mosbeek, Lambjerg (Danujo).
Sro. Boris D. Marinov. Kojnare, B. Slatina (Bulgarujo).
„ Doĉo Sebev, gimn. Padlikini (Bulgarujo).
„ Dimitar V. Dimitrov, „Stara gaza" Bourgas (Bulgarujo).
„ Stajko St. Stajkov, „Teĥnitcheska 3" Bourgas (Bulgarujo).
„ Stefan At. Bobev. „Mesta 8" Bourgas (Bulgarujo).
„ Danail Iv. Danailov, Nova-Mahla (Gabrova) (Bulgarujo).
Fino. D. Crawford } 63 St. Heliers Rd., Northfield,
„ J. Woodward } Birmingham 30 (Britujo).

## 10 TAGA ESPERANTO-RESTADO EN „RY", DANLANDO,

31/7 — 10/8 38.

Plena pensiono de 35—50 kronoj = 14—20 guldenoj.
Lastjare 160 partoprenintoj el 10 landoj.
Senkosta prospekto ĉe

H. GRöNBORG, Risskov, Danlando.

---

## Pasigu vian someran ferion, inter multaj Esperantistoj, en Helsingör Danlando!

**En la pasinta somero 210 personoj el 14 landoj.**

**16. - 24. de julio 1938: Internaciaj Feriaj Esp.-Kursoj** (daŭriga kaj seminaria)

**Nur 48,— d. kr. inkluzive plena pensiono.**

**15. - 25. de aŭgusto 1938: 10-tage Ferio Esperantista** kun prelegoj de eminentaj Esperantistoj.

**Nur 55,— d. kr. inkluzive plena pensiono.**

**Ĉiuj estos kore bonvenaj!**

Prospekto senpage havebla ĉe s-ro L. Friis, Thyrasvej 15, **Aabyhöj,** Danlando.

---

**KIAL** vendiĝis dum unu jaro 4000
**„INTERNACIA LERNOLIBRETOJ"?**

**Jen la solvo:** La metodo en „La Juna vivo" estas bazita sur la realeco.
1. La memoro de infanoj estas bonega. Do **multaj vortoj** proksimume 50 en ĉiu leciono.
2. La scio treege malrapide kreskas en la cerbo de infanoj. Do **malmulte da gramatikaj malfacilaĵoj.**

Ankaŭ por simplaj homoj ĝi estas la plej taŭga metodo — La prezo estas nur 0.20 guld. — Tuj mendu specimenon al „La Junan Vivo", West-Graftdijk, Nederlando.

---

## NUNJARE OKAZOS EN LA ESPERANTO-DOMO EN ARNHEM (NEDERL.)

gravaj Cseh-Kursoj kun ekzamenoj.

Nederlandaj P.T.T.-oficistoj kaj instruistoj petu speciale favorajn aranĝojn.

La diversaj kursoj jam komenciĝos la 27an de julio kaj daŭros ĝis la 20a de aŭgusto.

Petu detalajn informojn al: **Esperanto-Domo, Arnhem (Nederl.)**

---

Legu en Esperanto **„GAJA KNABO"**
verko de la fama norvega verkisto BJöRNSTJERNE BJöRNSON,
kiu en la jaro 1903 pro sia verkado ricevis la Nobelpremion.

La prezo estas nur norv. kr. 1.50 + afranko 0,30.

Mendebla — kontraŭ antaŭpago — ĉe:
**Norvega Esperantista Ligo, Librofako, Skappelsgt. 3, Hamer, Norvegujo.**
Kiel pagon oni akceptas 6 internaciajn poŝtajn respondkuponojn.